WIKIPEDIA

# Hiligajnona lingvo

La **hiligajnona lingvo**, sialingve nomata *Hiligaynon*, foje ankaŭ *Ilonggo* (pri tio vidu sube), estas lingvo el la Aŭstronezia lingvaro. Ĝi parolatas en la regiono Okcidentaj Bisajoj de la Filipinoj. Laŭ la nombro de denaskaj parolantoj temas pri la kvara plej granda lingvo de la Filipinoj. Nur ekde la 19-a jarcento ĝi estas skribata per latina alfabeto, antaŭe (inter la 13-a ka j19-a jarcentoj) uziĝis la tiel nomata bajbajina skribo (*Baybayin*).

| Hiligajnona lingvo | |
|---|---|
| Hiniligaynon (Ilonggo) | |
| **Parolata en** | Filipinoj |
| **Parolantoj** | 5 700 000 |
| **Denaskaj parolantoj** | 8,2 milionoj (en 2007) |
| **Skribo** | latina (ekde la 19-a jarcento), bajbajina skribo (*Baybayin*, antaŭe) |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Aŭstronezia lingvaro | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-2** | hil |
| **ISO 639-3** | hil |
| **SIL** | hil |
| **Glottolog** | hili1240 |
| **Angla nomo** | Hiligaynon |
| **Franca nomo** | hiligaïnon |

La parolantoj de la hiligajnona koncentriĝas en la provincoj de Iloilo, Okcidenta Negroso, Gimaroj kaj Kapiso, sed la lingvo ankaŭ parolatas en la aliaj provincoj de la insulo Panajo, inkluzive de la provincoj Antiko kaj Aklano, kaj en multaj partoj de la insulo Mindanao inkluzive de Suda Kotabato kun la urbo Koronadal, Sultan-Kudarato kaj en partoj de Norda Kotabato. Plue, ĝi estas parolata kiel dua lingvo de parolantoj de la kinaraja lingvo en Antiko, Aklano kaj Kapiso.

Sume proksimume sep milionoj da homoj denaske parolas la lingvon, kaj pliaj kvar milionoj kapablas paroli ĝin kun alta grado de kapableco.

Ĝi estas membro de la bisaja lingvofamilio.

La lingvo estas sialingve nomata *Ilonggo* (hispane *ilongo*) en la provincoj Iloilo kaj Okcidenta Negroso. Multaj argumentas, tamen, ke tio estas malĝusta uzado de la vorto "Ilonggo", kiu en preciza uzado nur devus rilati denaskaj loĝantoj de Iloilo kiuj parolas la lingvon.